estas onidiroj frukto de la admiro kiun li vekis, la vero nur Alaho scias.

Tiu ĉi majstro, aŭtoro de pli ol dek mil kanzonoj, kvanto neniam atingita de iu ajn alia muzik-verksito, fondis konservatorion pri la kant-arto kaj muziko, kiun li mem gvidis kaj majstris dum longaj jaroj, funkcianta en palac-salono de la kordova emiro.

Ziryäb estis vera idolo de tiu urbo: neniu kiel li sciis prpari poezian aŭ muzikan feston pli bone ol li (tre oftaj en tiu epoko) elekti la adekvatajn pooetojn en ĉiu kazo, kaj pretigi la necesajn elementojn kontribuontajn al la kreo de konvena etoso kaj por ekzalto de la motivo de iu ajn difinita festo. Li zorgis pri ĉio, de la tablotukoj, kies lina konsisto li laŭmode anstataŭigis per aliaj ledaj, ĝis la glasoj kaj teleroj, antaŭe oraj aŭ arĝentaj, kiuj per lia iniciato ŝanĝis por tiuj kristalaj.

Laŭ sugestoj de Ziryäb, la kordovaj korteganoj lernis vesti sin laŭmode per vestokoloroj adekvataj al ĉiuj sezono, kombi sin laŭ pli originalaj formoj, manĝi fajnstilo aŭ konversacii pri intelektaj kaj seriozaj interesaj homaj temoj. Resume, li kreis tute novan socion en la emiria ĉefurbo, organizante la intelektan mondon de Kordovo, en tiu momento unu el la plej gravaj de la mondo. Multnombraj poetoj, scientistoj kaj simplaj homoj kun sci-soifo venis kvazaŭ pilgrime el la tuta Eŭropo al Kordovo viziti la itelektajn centrojn, verajn fokusojn pri scio de Okcidento.

Ziryäb lernigis sian sklavinojn Gaslan kaj Humayda kaj lian lernanton Muta, siajn grandajn sciojn pri muziko kaj kanzonoj, kaj dum jaroj kaj jaroj oni elvokis lian figuron kiel mago de la muziko kaj plej alta pinto pri kanto-arto en Okcidento. Liaj kanzonoj estis zorge kolektitaj kaj konservitaj de Aslam ibn Abd-al-Aziz, homno perfekte sicanta ĉiujn kanzonojn de Ziryäb kaj ankaŭ kapabla ludi la muzikon de la eminenta artisto.

La skolo kaj muzikteorioj de Ziryäb fariĝis tradiciaj en Al-Andalus dum pluraj jarcentoj kaj preterpasis marojn kaj landlimojn ĝis atingi la Orienton, kei ankaŭ estis tre admirata.

La fama muzikisto kaj erudiciulo de Al-andalus, Ziryäb, forpasis en la jaro 857.

*Antonio Marco Botella*

## Ĝis revido, Stan!



Antaŭ kelkaj tagoj mortis Stanley Kubrick, la homo kiu enkondukis al ni la XXI-an jarcenton, per sia *2001, spaca odiseo*. Li ankaŭ avertis nin pri turpaj solvoj de perforto per sia *Meĥanika homo* (A clockwork *orange*, 1971) kaj malsakrigis vjetnaman militon per sia *Metala ĵako*. Ni bedaŭru, ke li mortis, sed ni plivivigu lin per vidado de liaj majstraj filmoj.

# BUS-KARAVANO AL LA UK DE BERLINO

Grupo Esperanto de Valencia organizas vojaĝkaravanon al la Universala Kongreso de Esperanto en Berlino(Gramanio), laŭ la jena programo:

**29-a julio**: Frumatene, eliro de la aŭtobuso de Valencia. Alveno en Genevon (Svislando) fruvespere kaj tranoktado, kun vespermanĝo..

**30-a julio**.- Matenanĝo. Eliro el Genevo kaj alveno en Munkenon (Germanio), kun tranokatdo kaj vespermanĝo.

**31-a julio**.- Matenmanĝo. Eliro de Genevo kaj alveno en Berlinon posttagmeze. Tranoktado.

Restado en Berlino kun tranoktadoj kaj matenmanĝoj, **ĝis la 7-a de aŭgusto**.

**7-a aŭgusto**.- Tagmeze, eliro de Berlino, kaj vespere alveno en Torun (Pollando), kun partopreno en la 9-a Internacia Esperanto-Kongreso.Restado en Torun, kun tranoktado nur, kaj partopreno en la programo. Eventualaj tuttagaj ekskursoj :

1.-Al la belaj urboj Dancing , Sopot kaj Gdynia, ĉe la Balta Maro, kaj al la impona kastelo de la templariaj kavaliroj en Malbork

2.- Al la ĉefurbo Varsovio.

**11-a aŭgusto**.- Eliro de Torun, kaj survoje al Prago ebla halto por viziti la plej faman dipatrinan pilgrimejon de la tuta orienta Eŭropo, Chenstochova. alvenon en Pragon. Tranokto kaj vespermanĝo.

**12-a aŭgusto**- Matenmanĝo, eliro kaj alvenon en Zurich (Svislando). Tranokto kaj vespermanĝo.

**13-a aŭgusto**.- Matenanĝo, eliro kaj nokte alveno en Valencion.

La vojaĝo okazos per moderna kaj komforta aŭtobuso. La prezo kun loĝado en dulitaj ĉambroj, ĉiam en urbocentroj (ankaŭ en Berlino), estos entute ĉirkaŭ 90.000 hispanaj pesetoj, se aliĝas pli ol 30 homoj.

Oni akceptos **maksimumon** de **35 vojaĝantoj**.

Por tiuj kiuj ne deziras vojaĝi per la aŭtobuso,oni disponigas **ĉambrojn en Berlino por 4.200 pesetoj persono-nokto**, en dulita ĉambro, en la urbocentro de Berlino, ĝis kiam jam ne restos pli da liberaj litoj en la hotelo. Tiuj kiuj deziros unulitan ĉambron devos pagi aldonan sumon.

**Pli da informojn** petu al **Augusto Casquero**. Telefonnumero **96 3401369**, je la *manĝo-horoj nur*.



Virgaj plumoj

# Infana afero

Kandido vokis min aparte, per gesto sia. La ĉambro estis plena da personoj, kaj li ne ŝatis pardonpeti publike. Neniu ŝatas tion, mi supozas. Sed verŝajne li ne suferis multe pro tio. *Mi devas paroli pri kio okazis antaŭ kelkaj tagoj*, li anoncis. *Ĉu vi ankoraŭ memoras pri tio?*, mi respondis. *Bone, mi nervozis, familiano mia malsaniĝis. Finfine, ni entombigis lin hieraŭ*. Li silentis. *Mi komprenas,* mi diris. *Sed ne gravis multe al mi tio, kion ni diris unu al la alia, Kandido. Se ni ĉiam konsentas, vivo estus tro malamuza*, mi aldonis, klikante mia sana okulo. Sed vere mi estis tiu, kiu pikis lin. Bona Kandido nur diris al mi, ke se mi ne vidis ĝin, mi ne povis paroli pri la afero. Certe, silentigi min enhavas riskon. *Eĉ se mi ne vidis, mi parolis al implikitoj, kaj ankaŭ mi rajtas opinion.* Mia amiko replikis: *tute ne!* Eble mia amiko ne komprenis tion, kion mi diris tiam: *Kio okazas, estas ke vi ne kredas je libereco pri opinii, etulo. Sed rigardu: mi ekzempligos similon: ankaŭ vi ne estis tie, kiam oni malkovris Amerikon, kaj vi povas paroli pri la afero. Vi eĉ povas klarigi vian opinion. El la vidpunkto de indianoj. Aŭ el tiu de Kolombo. Aŭ el tiu de la Reĝo de Aragono. Aŭ el tiu de judoj senlandigitaj el Kastilio tiudate...* Mia amiko jam delonge turnigis sian fingron kontraŭ sia tempio, kvazaŭ li ŝarĝus sian meĥanismon kapan.

*Nu, ni pagu*, interrompis Ambrosjo, mi supozas ke por rompi la buklo..., aŭ almenaŭ por ke ni ekiru. Mi, por malfuŝi la aferon, diris: *mi pensas ion pli bona: pagu Kandido!*

Kaj nun, tri tagoj poste, la paginta Kandido senkulpigas sin. Infana afereto, mi konkludas..!

# Kio farendas

Tio estas rakonto malreala, kiel vivo mem. Ni supozu, ke vi konas virinon pere de Interreto. Supozu, ke ŝi trairas malbonegan momenton: ŝia nura filo ĵus mortis. Ŝi skribas serĉante forgeson pri sia doloro, sed vi estas grizaj personoj, ideosenhavaj kies parolo estas aĉa, sen imageco. Vi nur povas legi ŝin. Kaj respondi per sensencaj aferoj. Ŝi venkas ŝian doloron iom post iom, ĉar ŝi nun nur petas, ke iu ajn estu proksime de ŝi. Kaj tiurilate vi ja helpis ŝin.

Tempo pasas, kaj tagon venas vidi vin. Danki vin pro tio, ke vi estis tie. Ŝi ankoraŭ belas. Ŝi ŝajnas kaj parolas sinjorine; ŝia kompanio gravigas iun ajn. Ŝi alportas ion brilan kaj rutinajn.

Nun vi ĉiuj scias kio farendas, anstataŭ perdi vian tempon kun *interretaj novaĵgrupoj...*

*Vulpo*

# ĈU PROFITO, AŬ ALTRUISMO?



La nuntempo, precipe en certaj industriaj landoj, karakteriĝas per la nomata *bonfarta socio*. La nuna prospero eĉ ne estis elpensita en la antaŭaj jarcentoj. Krome, ĉiuj ideologioj hereditaj de la pasinta naŭdekjara jarcento ne sukcesis, kaj la nuntempaj homoj kredas nenion. Celas la bonfarton kaj nenio pli kaj plu.

Tiu ĝenerala sinteno ankaŭ tuŝas nin, esperantistoj. Ni ne atingas altiri la junulojn kaj nia movado preskaŭ stagnas. Antaŭ tiu fakto oni alvenas al la konkludo, ke se Esperanto restas nur idealismo sen iu ajn materia profito ĝi ne havos alian sorton ol morti. Tamen tiu konkludo povas esti erara. Nuntempe ankaŭ estas plena de idealismoj. La etnaj naciismoj, kiuj retrorigardas la pasintecon estas nuraj revoj al pasintaj tempoj neniam ekzistantaj. Multaj aspektoj de la bonfarta socio ankaŭ estas sinteno por reliefigo de propra personeco.

La nuna materialismo sen kiu ajn rilato al intelektaj valoroj nur kondukas al divoĉado kaj al la drogoj, sed kvankam ĝi forte tuŝas la junulojn, restas tre minoritata. La elfalo de la tradiciaj valoroj estas la precipa faktoro de eskepticismo. Alie, ankaŭ proliferas la plej fanatikaj ideologioj sin apogante en la terorismo. La socia aspekto de nia socio estas de malorientiĝo.

Kion denove diri pri Esperanto kaj la esperantismo? Esperanto kiel lingvo apartenas al la scio, kaj la esperantismo estas en rilato al la edukado por tutmonda paca kunvivado.

Tiel same la scio kiel la eduko ne aldonas tujan profiton. Antaŭe, krom la ĝenerala analfabetismo, multaj homoj nur ĉeestis elementajn lernejojn. Hodiaŭ en la industriaj landoj granda parto de la junuloj studas en la universitato. La nuna instruo estas longtempa kaj multekosta. La junuloj pergajnas sian vivon, precipe la universitatanoj, kiam antaŭe oni konsideris ilian aĝon kiel maturulojn. La nuna instruado estas multekosta, la profiton oni atendas post multaj jaroj, tamen sen tiu altiĝo de la instruo la bonfarta socio estas neebla. En multaj landoj la naturo estas alte fruktodona, sed pro manko de instruo kaj eduko restas

mizeraj. Analfabetoj ne kapablas regi industrian socion kaj sen civitana edukado ĉiuj politikaj reĝimoj malsukcesas.

Ni ne esperu, ke pro tujaj materiaj avantaĝoj la esperantismo prosperu. Ni devas atendi la alvenon de favoraj cirkonstancoj. La nuna socio tiel rapide riĉiĝis, ke la plej multo ankoraŭ restas en la fazo de novriĉuloj. Granda materia ĝuado kaj mensa malstreĉiteco. Sed tia situacio senduve estas efemera, ankaŭ la novriĉuloj, post ŝatiĝo, deziras sin kulturi. La kvanta vivnivelo pli frue aŭ malfrue aspiros kvalitan vivnivenlon en la scio, arto kaj intelekto. La spirita ĝuo estas senlima kaj ligita al la altruismo.

Esperanto estas lingva scio, sed tio ne estas la plej grava. Tio grava estas la eduka faktoro de la esperantismo. Nia aktuala mondo pro materiaj faktoroj, kiel la komunikado kaj la ekonomio havas proceson de planediĝo. Multaj reakcias al la planediĝo per retrorigardo al la pasinteco kaj proliferas naciismoj. La planediĝo sen tutmonda eduka civitaneco povas disvolviĝi kun gravaj krizoj de kunvivado. La edukado por tutmonda civitaneco estas la precipa rolo de la esperantismo. Kiel eduka tasko la profito ne estas tuja. Atingi tutmondan pacan kunvivadon estas la plej granda profito de tiu laŭŝajne senprofita laborado de la esperantistoj.

*(Novembro, 1998)*

***Giordano Moya.***



Fotis: M. Bustín

# *La vojo de la hispanaj respublikanoj*

Dum la lasta kongreso de UEA ni malkovris tiu eta enkonduko al la Kongresejo. Malgajas, ke oni identigas respublikon kaj militon en Hispanio. Malgraŭ la *23-a de februaro*, malmankas respublikanoj en Hispanio, kaj estus multaj pli, se oni komprenu, kion *respubliko* signifas. Ambaŭ hispanaj respublikoj estis bojkotitaj de monarĥiistoj kaj maldemokratiistoj, sed *respubliko*, laŭ etimologio, volas diri nenion alian ol *afero publika*, kaj tio volas diri, ke ni respublikanoj firme kredas, ke la nacio apartenas al ni ĉiuj, kaj ke ni ĉiuj devas kunlabori por regi kaj progresigi ĝin. *Monarĥio* volas diri, ke ĉio -eĉ rego- apartenas nur al *unu* persono...

Tamen, dankinda afero estas, ke montpelieranoj dediĉas vojon al ni, hispanaj respublikanoj. Dankon.

# Ni savu nian kulturan trezoron

Konfesinde estas, ke tiu ĉi ideo ne estas mia, sed mi opinias ĝin taŭga kaj proponenda al la membraro, kiu juĝos kaj poste reagos laŭplaĉe.

Estas bedaŭrinda fakto, ke mjltaj kamaradoj loĝas izolitaj aŭ ne havas familianojn scipovantajn Esperanton. Tio ĉi okazigas, ke ties bibliotekoj ofte finas sian vivon en mansardo, brokantejo aŭ eĉ foje en rubujo. En Esperantio, kie ofte mankas rimedoj por eldonado aŭ, al individuoj, mono por aĉeti librojn, tio estas nepardoninda peko. Al novaj gekamaradoj ne eblas legi en Esperanto bonajn verkojn kiuj jam elĉerpiĝis kaj ne estas reeldoneblaj.

La prpono estas jena:

- Ĉiu kamarado, kiu volas malhavigi librojn kaj gazetojn malnovajn, ilin sendu al la peranto de la libroservo.
- Tiu ĉi kvintancos kaj aperigos en la asocia organo liston de la materialo.
- Kiu volos ion el la listo, ĝin mendos al la libroservo kaj pagos nur la afrankon.
- Se iu kamarado volus, oni povus vendi la materialon, je modera prezo, favore al la asocio.
- Preferon havos HALEanoj kaj SATanoj.

Nu, oni povas diskuti tiun ĉi proponon, forstreki aŭ aldoni ion. Eble estus bone ne doni la taskon al la libroservo, sed starigi specialan servon. Atendataj estas la reagoj.

*Januare de 99-a,*
*la respondeculo de la Libroservo*

# *Lasta kunveno de HALE.*

Je la 23-a de novembro kunvenas Prezidanto María del Mar Guirao Gallego, kamaradoj Marteno Bustín Benito, José María Bernabéu Franco, Johano Antono Cabezos Martínez kaj Iván Molina Valverde, agante kiel sekretario Jesuo de las Heras pro neveno de José Pina Tuells, laŭ la tagordo:

1 Demisio de Prezidanto.
2 Elekto de nova estraro.
3 Organizo de Kongreso de Hale.
4 Rilatoj kun sindikatoj kaj similaj organizoj.
5 Libroservo.
6 Informoj, proponoj kaj demandoj.

1 *Demisio de Prezidanto*. Kamarado Bustino Benito demandas kial María del Mar Guirao Gallego estis nomumita prezidanton, ĉar laŭstatute ŝi devas anstataŭi la prezidanton ĝis la nomumigo de nova prezidanto, sed ne prezidantiĝi.

La subskribinto diris, ke oni decidis tion preskaŭ unuanime en Valjadolido. *Oni ne plu devas fari tion, oni legu la statuton, por ne plu ĝeni la samideanojn*, ni konsentis.

Tri voĉoj kontraŭ unu akceptis demision de prezidanto María del Mar.

2 *Elekto de nova estraro*. Kamarado Johano Antono Cabezos Martínez prezentis kandidatiĝon konsistante de: **Prezidanto**: li mem, **Vicprezidanto**: Nikolao Ŝil Karbajo, **Sekretario**: José Pina Tuells, **Kasisto**: José María Bernabéu Franco, **Libroservo**: María del Mar Guirao Gallego, kaj **Redaktoro**: Jesuo de las Heras. Kandidato Cabezos klarigis, ke tio estas kondiĉe ke kamarado Ŝil akeptos sian postenon, ĉar li ne povis kontakti lin sufiĉe frue por la kunveno.




Ni balotis kaj elektis la novan estraron, krom unu sindeteno.

3 *Organizo de Kongreso de Hale*. Dum la venonta 17/18 de aprilo okazos la 1ª kongreso de HALE en Lorko, Mursjo, samtempe al la 10ª Kongreso de VEF.

4 *Rilatoj kun sindikatoj kaj similaj organizoj*. Ĉu oni sendu afiŝojn de HALE al sindikatoj, kun adresoj de la grupo aŭ individuaj esperantistoj kiuj simpatias al NKL (CNT).

5 *Libroservo*. Jam solvita. Kamaradoj Ŝil kaj Guirao interŝanĝas siajn postenojn.

6 *Informoj, proponoj kaj demandoj*. 1 Publikigi la statuton de HALE dulingve, 2 Fari bazdaton de civila agado, 3 Insignon de HALE oni devas fari. Finfine oni konsentas, ke ĝi estas la stelo kvinpinta iomete turnante maldekstren kun la vorto HALE ene de si, kiu aperas en la sekcio *Informoj de la Prezidanto* en ĉi tiu magazino (paĝo 4-a) kaj ankaŭ je paĝo 16-a. 4 Oni pagas la kvoton de Esperanto-Hispanio por la jaro 1998. 5 Kasisto Bernabéu donas artikolon verkitan de A. Marko Botella al la redaktoro. 6 Oni decidas ankaŭ pliallogigi la kontnumeron de HALE en ***Kajeroj el la Sudo***. 7 Finfine oni agnoskas, ke kamarado Marteno Bustino Benito kunvenas ankaŭ kiel peranto de SAT.

*Eventuala sekretario,*
*Jesuo de las Heras*

JU PLI MULTE - DES PLI BONE

# LEA LIGILO

Informilo Inter L.E.A.-oj de S.A.T.

Redaktoro: Alan Gould [AGo]
Woodrising, Thorn Lane
Goxhill, North Lincs.
England DN19 7LU
Tel: +44 (0)1469 530356
E-Mail: alan@agolincs.demon.co.uk

LoLo numero ses - Februaro 1999



Prezidantoj kreigas tut-mondan ligon pere de LEA-oj.

*Ivo Peyraut- Prezidanto de SAT-PKK. Foto: Esperanto [UEA]*

## BONVENU AL LA AKTIVULARO!

**Post reaperigo de LEA-Ligilo (LoLo 5) en Novembro 1998, Guy Cavalier, Prezidanto de la LEA-Komitato kaj Ivo Peyraut urĝe diskutis inter si kiel utiligi tian servon kreinta de LEA-K.**

**La du prezidantoj konsciiĝis, ke jam Ivo proponis al la 1997 LEA-Komitato, ke tia ligilo povus havebliĝi plivaste ol nur al LEA oficistoj. Tiu LEA-Komitato konsentis kaj varme bonvenis, ke k-do Peyraut sin proponis efektivigi tiun laboron precipe rilate al SAT-perantoj kaj Ĝeneralaj Konsilantoj. (Vidu LL n-ro 4).**

**Ili ankaŭ konsciiĝis, ke ankoraŭ suferas lla tuta aktivularo de SAT manko de la servo liverita d la SAT Interna Ligilo (SIL) nun bedaŭrinde ne pl7u aperanta. Mi mem diskutis eldonon de SIL kun Ivo dum la 1996 SATEB jharkunveno. Lia fervoro pri la graveco de plibonaj komunikoj inter diversaj eroj de SAT, ja eĉ ekstere, kuraĝigas min 'pri la stranga tasko fari ĉi tiun ligilon.**

**Ĝoje mi lernis de Guy ke nun LoLo iras al la tuta aktivularo de SAT, preskaŭ cent entute. Per tio ni povas efektivigi ligojn inter LEA-oj, SAT-perantoj, ĜK-anoj kaj ekze. ĉiu faka kaj frakcia agadulo. Prave diras Ivo, *SATanoj... bone kunlaboras preskaŭ ĉie*. LoLo bonvenas ĉiun, kiun volas legi ĝin aŭ uzi ĝin por promocii siajn celojn. Ju pli multe, des pli bone!**

*AGo.*

Amikeca reto.

Alia turismo

al alia mondo

400 adresoj en 50 landoj.

**AMIKECA RETO povas esti utila por varbi por Esperanto tra konkreta pruvo de ĝia utileco. Tamen mi ne plu prvas mem fari en Babelion: tio levas informpetojn ne mastrumeblajn laŭ niaj fortoj: ili petas dokumentojn en nacia lingvo, kaj nenio eblas, se ili ne regas nian lingvon... Kelkaj eĉ mendis la libron kaj resendis poste.**

**Do, preferinde la LEA-oj povas uzi la ideon de Amikeca reto por montri realan uzon de Esperanto. Niaj perantoj povas helpi en presado de nacilingvaj tekstoj.**

**Amikajn salutojn de Gerardo Rollin kaj de**

*AMIDEKA RETO*
*88 Rue Victor Hugo*
*FR-37400-AMBOISE*
*a.reto@france-association.com*
*http://www.creaweb.fr/a.reto/*

RECIPROKA GASTIGADO? Kial ne?

## Ĝenerala Konsilantaro

**Grava peto de Pelle Persson, Sekretario de Konflikt-Komisiono (K-K)**

Karaj gekamaradoj!

Bonvolu helpi min trovi gekamaradojn kiuj volas akcepti la taskon esti "Ĝenerala Konsilanto de Kategorio A". Nun estas nu en 8-a horzono (Aŭstralio) kie jam funkcias Ĝ.K.-ano de Kat. A. Se4 vi trovas kandidaton, bonvolu informi tion al:

P. Person
Svartsiksvägen 14
SE-12352 Farsta
Svedio
E-poŝtio: Pelle Persson
<persson.esperanto@stockholm.mail.telia.com>

---

**LEA-aj komitatoj, sekretario k.t.p. bv. noti:**

**Bonvoly atentigi, ke dum trolonge via Ĝenerala Konsilantaro apenaŭ funkcias pro manko de sufiĉe da konsilanoj.**

**SAT statuto rajtigas ĉiu LEA-oj konvencie ligita kun SAT havi po unu reprezentanto ĉe Ĝ.K. Vi do nepre respondecas certiggi ke la interesoj de viaj membroj pritraktiĝas tie.**

**La Ĝ.K-aro konsistas el anoj elektitaj per:**

**a) Geografia sektoro;**
**b) Konflikt-komisiono;**
**c) Urbano kie P.K. sidas;**
**ĉ) Lea-oj;**
**d) SAT-fakoj.**

**La sekretario de Konflikt-Komisiono estas ankaŭ sekretario de la Ĝenerala Konsilantaro (AGo)**

## KIAL LA LEA LIGILO?

### Roy Lynn (SATEB), kreinto de ĉi tiu ligilo revuas progreson.

*Mi esperas, ke aliuloj respondos al la supra demando. Senduber ĉiuj anoj de la LEA Komitato subtenas la proponon reaperigi ĝin, sed ĉu ĉiuj havas ideojn pri la taŭga enhavo?*

*Kial la LL unue estis diskutita, mia propra ideo tiuokaze estis, ke la diversaj LEA-anoj povus sendi kontribujohn por presado. Tiuj kontribuoj, ĉu artikoloj aŭ letereoj, povus raporti pri lokaj agadoj kaj spertoj en la klopodoj konstrui la LEA-ojn. Ili povus eĉ prponi metodojn por kunlaboro inter LEAoj.*

*Miaopinie, en la ĝisnunaj eldonoj tiaj elementoj sufiĉe alvenis.*

*Due, mi antaŭvidis konsiladon al SATanoj (kaj ne SAT-anoj) en tiuj landoj kie ankoraŭ ne ekzistas LEA-oj por helpi starigi ilin. La estonto de SAT dependas je la kreado de pliaj LEA-oj ĉar tiuj nature agas (mi esperas) kiel varbantoj kaj subtenantoj de SAT - "rezervujo" laŭ la Statuto.*

*Estas mia kompreno, ke ne necesas minimuma membro-ciferon por rajtigi starigon de nova LEA. Do, ĉu ni povus helpi pere LL, la starigon de LEA-oj ekz, en Japanio, Ukrainio, Bulgario, Kroatio, Brazilio, ktp?*

Ĉu la kamaradoj diverslokaj komprenas, ke NE necesas, ke ĉiuhj ano de LEA estu individua membro de SAT?

Iu, kiu kredas, ke SAT ankoraŭ necesas kiel ilo por la progreso de la tutmonda laboristaro, ankaŭ havas respondecon plifortigu ekzistantajn LEA-ojn aŭ helpu starigi novajn laŭ lokaj eblecoj.

Red-a noto:

*Mi tute konsentas kun ĉi-supraj esprimitaj sentoj de Ron Lynn.*

*La uneuca celo de via LEA-Ligilo estas kaj ĉiam estos servi ĉiun LWEA-on kaj LEA-membron per interŝanĝo de novaĵoj kaj informeroj.*

**GRAVAJ DATOJ:**

**72-a kongreso de SAT**
**('99 LEA-Komitato dume)**
**1999-07-24/31**

**LEA-Ligilo numero 7**
**Poŝdato 1999.07.02**
**Limdato 1999.06.11**

**BONA NOVAĴO:**

*Antaŭnelonge de PREM*

**73-a Kongreso de SAT en Moskvo**

**El Parizo venis informo, ke invito de moskvaj membroj de SAT al SAT-kongreso en la jaro 2000 estas akceptita.**

**Nikolao Gudskov: a/k 57, Moskvo.**



# *Esperanto asocio de Sabadell inaŭguras straton.*

Verda kvinpinta stelo jam estas en montrilo de strato de Sentmenat ekde la dimanĉo 15-a de novembro de 1998.

Kvardeko da homoj konsistanta el najbaroj, anoj de la Kultura Asocio Esperantista , prezidata de José María Galofré, kaj anoj de loka konsilo, kunvenis je la strato kiu elde nun havas la nomon de la lingvo kreita de Doktoro Zamenhof.

La urbestro, Josep Villaró, signalis la valoron de Esperanto kiel *idiomon de komunikado super ĉiu ajn patrina lingvo*. Galofré donis la reprezentantojn de la urboregistaro pergaminon memore de la tago. La inaŭguro de la strato, en la nova sektoro rezidenta de El Pedró, enkadriĝis en la festoj de Sant Menna.

# Enkonduko en muziko

Lastartikole mi promesis reveni al la origino de la nomoj de notoj.

Guido d'Arezzo estis monaĥo de la jarcento deka, kiu havis la ideon aranĝi notojn laŭ akuteco kaj alteco, name tiujn pli altajn notojn li metis je la pli altaj lokoj sur peco da papero. Por mezuri kiel alte la notoj estas, li uzis kvar linioj paralelaj, kiun li nomigis *tetragramo*n (kvar+grafiko). La notojn li nomigis per silaboj, kiujn li prenis el himno de Sankta Johano:

*UT queant laxis,*
*REsonare fibris,*
*MIra gestorum,*
*FAmuli tuorum,*
*SOLve polluti,*
*LAbii reatum,*
*Sancte Joannes.*

UT estis anstataŭgita de DO poste, ĉar ĝi ne sonis sufiĉe mole, kvankam en Francio oni ankoraŭ uzas ĝin *nur por nomi* la noton, sed ne por solfai (por tio oni ankaŭ uzas *do*). Guido d'Arezzo uzis nur *ut re mi fa sol* kaj *la*, sed je la jarcento 16a oni enkondukis SI (el **S**ancte **I**oannes).

*Skalo* estas aranĝo de la sep notoj laŭ tiu ĉi ordo: 1 do, 2 re, 3 mi, 4 fa, 5 sol, 6 la, kaj 7 si. Tiu serio finas ripetante la unuan noton denove: 8 do. Tiel ni atingas kion oni nomas *oktavo*n en muziko: serio de ok notoj sekvante unu la alian. Pro tio, ke ni komencis per **do** kaj finis per **do**, ni havas **skalon de do**.

Inter ĉiuj du notoj estas *invervalo* de unu *tono*. *Intervalo* estas la *distanco* aŭ diferenco pri sono inter du notoj, kaj oni mezuras ĝin kontante la nombron de notoj kiuj estas inter ili, kontante ilin ambaŭ. Oni diras, ke en la skalo, kiun ni ĵus difinis, la intervalo aŭ distanco inter la du **do** estas *oktavo* aŭ *oko*. Inter **do** kaj **re** estas, kompreneble, intervalo de *duo*. Inter **do** kaj **mi** estas intervalo de *trio*. Inter **do** kaj **fa** estas intervalo de *kvaro*, inter **do** kaj **sol** estas intervalo de kvino, inter **do** kaj **la** estas intervalo de seso, kaj inter **do** kaj **si** estas intervalo de sepo. En kelkaj lingvoj, inter ili la hispana, oni preferas uzi la adjektivan finaĵon, sed mi konsideras, ke estas pli taŭge uzi la substantivon, ĉar oni uzas la koncernan vorton por nomi *koncepton*, ne *kvaliton*. Tamen, se vi sentas vin pli komforta pri ajektivoj, vi ankaŭ povas uzi *intervalon duan, trian,* ktp, kondiĉe, ke oni komprenigas la vorton *intervalon*, eĉ se ne diritan.

Ni komentis pri **la skalo de do** antaŭ. Sed se oni komencas ne per do, sed per re, kaj havas la sinsekvan serion 1 re 2 mi 3 fa 4 sol 5 la 6 si 7 do 8 re, oni havas **la skalon de re**. Skalo estas same kiel *ŝtuparo* aŭ *eskalo* koncerne al tio, ke oni uzas ilin por iri supren, aŭ suben: ja nia voĉo povas supreniri aŭ subeniri per skalo. Se oni konas la intervalon inter ĉiuj du notoj, oni povas sufiĉe bone kanti la tutan skalon. La venontan fojon ni praktikos ĉion ĉi per tre fama franca kanto, *Frére Jacques* (frato Jakobo).

# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

REDAKCIO: **Poŝtkesto 4461, E30080 MURCIA, HISPANIO**

**Retskribu al hale@distrito.com**

**http://www.distrito.com/esperanto/kajeroj.htm**

**http://www.dragonfire.net/~Esperanto/kajeroj.htm**




**Depósito legal: Z-2398-88**
**Presejo: Alegría.**